Devizo: „Gru-gru-kurr, gru-kjurr!"

## „Gru-gru."

(originale verkita)



Laciĝitaj de longa piediro,
sidiĝis sur kruta bordo de
ĝa kaj profunda kavka nal
kiu estis limo inter kuŝinta
antaŭ ni granda, jam ma
pleniĝinta greŭkampo kaj la arbaro, kaj ekfumis. Estis bela aŭtuna po
tagmezo. La suno staris malalte sur la sennuba ĉielo, ĉirkaŭe regis
malgaje-solena silento kaj malpleneco. La arboj staris preskaŭ tute se
oliĝitaj kaj ŝajnis dormantaj aŭ ensorĉitaj kiu ĉi siaspeca sen

aŭtuna beleco. Subite alte super ni la aeron tratranĉis laŭta kaj sonora kri
jen ĝoje-triumfanta, jen malgaje-adiaŭa: „gru-gru-kurr, gru-kjur!"
Ni levis la kapojn, -super ni alte flugis granda gruaro.

—Ha, gruoj!.. -mi ekkriis nevole, kun intereso observante, kiel, etendint
la kolojn kaj longajn piedojn, flue kaj ne rapidante, tamen ĉiam rapide mo
viĝante antaŭen kaj neŝanĝeme sin direktante al antaŭdifinita celo,
kun la senĉesa voksignalado inter si, flugis la birdoj.

—Jes, gruoj... -pensoplene diris post iom da tempo mia kunulo - nia
kampara poŝtejestro. - Ni ĉiam orfiĝas, ĉiuj forlasas nin iom post iom kaj
baldaŭ ni restos nur kun lupoj kaj korvikoj. Tamen, ĉu vi rimarkas, kiel ĉi-
am postrestas malantaŭe de siaj kolegoj, malgraŭ evidenta penado, kelkaj
pli malfortaj el la birdoj? Jes, [redacted] longa vojo kuŝas antaŭ ili kaj ni senerare po
vas profeti, ke multaj el ili ne atingos la celon, ie pereos... Ĝustokaze, ĉu vi iam
vidis proksime gruojn, ĉu vi havis iam okazon observi vivmanieron de tiuj ĉ
ĉarmaj birdoj en malliberec o?

—Neniam. Tamen, sendube, tio ĉi estas tre interesa...

—Treege! Gruo pli facile, ol ĉiu alia birdo, alkutimiĝas al homo, al hejmo
de sia mastro kaj, kiel plej saĝa hundo, fariĝas lia fidela, nedisigebla amiko
kaj gardanto. Kiom singardeme ĝi evitas homon, dum ĝi vivas en la libereco,
tiom nedisigeble ĝi alligiĝas al li, se okazas al ĝi vivi en societo de la lasta. Nur
estas malfacile havigi ĝin al si... Sed unufoje mi havis tian okazon... - li el-

ŝatis je kalkanumo de sia boto cindron el la pipo, metis ĝin en poŝon kaj daŭrigis kun rideto sur la lipoj:

— Tiam mi estis estro de la poŝtejo ĉe katunfabriko en gubernio de Jaroslavl. La fabriko staris sur alta, pentrinda bordo de Volga mem kaj proksime de la poŝtejo estis bela albordiĝejo. Tre gaje estis tie dum someroj kaj mi ŝatis dum vesperoj renkonti vaporŝipojn, boatpromeni kaj iafoje tutan nokton ĝis tagiĝo mem mi sidis kun fiŝhoko en la manoj en ia izolita loko de la bordo kaj super mi en salikarbetaĵoj amuzis sian amatinon per senfinaj triloj najtingalo. Jes, la tempo estis gaja, memorinda!.. Unufoje, ŝajne, jam en fino de la somero mi venis al la albordiĝejon por renkonti poŝtan vaporŝipon. Ĝi iom malfruiĝis kaj mi, por mallongigi la enuan atendadon, marŝis tra la albordiĝejo kaj de tempo al tempo interŝanĝis kelkajn frazojn kun konataj kamparanoj. Subite venas al mi ĉifonvestita nekonatulo, — multe da ili vagis senlabore apud la fabriko, — kaj mistere okulsignante al mi proponas: — „Aĉetu, sinjoro, la birdon!" Nur tiam mi rimarkis, ke en liaj brakoj estis ia granda griza birdo kiu konfideme alpremis la kapon al la samkoloraj ĉifonoj de li kaj rigardis el malgaje, apatie. — „Kio ĝi estas?" — mi demandis. — „Juna gruo! Ĝi estas iom malsana kaj postrestis de siaj kolegoj, mi trovis ĝin en la grenkampo... Aĉetu, ĝi resaniĝos kaj baldaŭ malsovaĝiĝos!.. Poste vi dankos min..."

Kaj mi aĉetis. La infanoj, — ili tiam estis ankoraŭ malgrandaj, — tute freneziĝis pro la ĝojo, kiam mi alportis la birdon kaj metis ĝin en la kokin-

ĵo. Ili, ne cedante unu al la alia, karesis ĝin, proponis al ĝi diversajn manĝaĵ-
ojn, sed la gruo nenion atentis kaj sidis malgaje turniĝinte en angulon kaj mal-
evinte unu flugilon. Ĉe la fabriko estis bestkuracisto, mi venigis lin. Tiu aten-
e esploris la gruon kaj konstatis kurrompon de unu piedo kaj elartikiĝon de
la maldekstra flugilo. Ni apenaŭ povis deteni larmojn pro kompato al la
ruo, dum la kuracisto lertmane enartikigis la flugilon kaj gipsis la piedon.
„Nu, post kelkaj tagoj via edukato estos tute sana kaj nerekonebla!" - li diris,
onsolante nin, fininte sian taskon. - „Nun lasu ĝin sidi tie, sen bezono ne mal-
rankviligu ĝin kaj bone nutru. Bona nutraĵo baldaŭ faros sian efikon", - li al-
donis, forirante.

Ni agis ĝuste laŭ lia konsilo kaj fervore nutris ĝin per grenoj, panpecetoj, kuir-
taj terpomoj, malgrandpece - tranĉitaj legomoj kaj pizeroj. Komence ĝi nenion
tentis kaj la manĝaĵoj, alportitaj al ĝi, longe restis netuŝitaj, sed, iom post iom,
une kun progresinta resaniĝo, revenis al ĝi apetito kaj eĉ manĝegemo. Jam post
elkaj tagoj de sia malliberec ĝi iom alkutimiĝis al tiuj nemultaj personoj,
kiuj vizitis ĝin kaj sentime manĝis nutraĵon el iliaj manoj. La infanoj, pre-
ipe la pli maljuna knabino, tre ŝatis hejmajn birdojn, al ĉiu el kiuj estis do-
ita de ili ia nomo. Memorante la konsilon de la kuracisto, mi ne permesis
l ili ofte viziti aŭ iamaniere maltrankviligi la malsanulon; nu, ili paci-
nce atendis, kiam ĝi resaniĝos, kaj estis okupitaj je elekto de konvena nomo
por ĝi. Kaj, Dio mia, kiom da plej diversaj nomoj ili havis por ĝi en provizo! Tie

stis ordinaraj karesnomoj: „amiko", „karulo", tiuj, kiujn jam havis niaj kokinoj
aj meleagroj: „petolulo", „kriemulo", „belulo", kaj la speciale - elpensitaj, konforme
l ĝia aspekto: „longpiedulo", „longkolulo", „grizulo" kaj aliaj senfino. La deman-
lo pri la nomo donota estis neelĉerpebla temo de interparoloj kaj disputoj de
a infanoj, iafoje ĝi kaŭzis al iu el ili eĉ larmojn. Mi ne enmiksiĝis en la aferon
aj la demando, feliĉe, estis solvita per si mem kaj tre facile, al nia komuna
ojo. Kiam en ĉeesto de la infanoj la kuracisto formetis la bandaĝon de ĝia kruro,
a gruo, iom lametante, ekpaŝis al ili kaj baldaŭ sentime sekvis ilin komence sur
a korton, poste eĉ en la ĉambrojn, malgraŭ iliaj laŭtaj ĝojkrioj kaj rido. En la
ntaŭĉambro la procesion renkontis la patrino, kiu tiutempe ien kondukis je
a mano Helenjon - trijaran filinon, kiu ĵus komencis paroli. Ekvidinte la gru-
n, ŝi tuj timeme almetiĝis al la patrino kaj, montrante per la mano la birdon,
aŭte ekkriis en sia primitiva lingvaĵo: „gju-gju!" Tio ĉi ŝajnis al ĉiuj tiel am-
za kaj sprita, ke „Gru-gru" tuj fariĝis ĝia nomo.

Jam post iom ĝi tiel alkutimiĝis al la infanoj, ke iafoje dum bona vetero ak-
ompanis ilin dum promenoj. Dum tiaj minutoj estis neeble rigardi nian „Gru-
gru'on" sen rido: kvazaŭ konsciante, ke ĝi estas ĝuste objekto de ĉies scivoleco kaj ob-
ervo, ĝi jen gravaspekte antaŭeniris per fiereme - gracia irmaniero, supren eten-
inte la kolon, jen, kvazaŭ eksentinte subitan alfluon de petolemo, komencis ga-
e svingi per la flugiloj, salti kaj danci ĉirkaŭ siaj amikoj. Kiam tio ĉi tedis al ĝi, ĝi
ris per sia beko de la vojo kio-ajn estus: malgrandajn lignpecojn, ŝtonetojn,

stojn kaj aliajn aĵojn kaj, kiel lerta cirka ĵonglisto, ĵetis ilin supren kaj ree kaptis ilin en la aero. Vilaĝaj infanoj kaj senokupuloj ofte amase sekvis la promenantojn, sed neniu el ili kuraĝis proksime veni al ĝi, aŭ kaŭzi al ĝi ian ofendon, ĉar jam neunufoje oni spertis ĝian venĝemon. Unufoje ia knabaĉo ĵetis je ĝi bastonon, Gru-gru tuj alte suprensaltis kaj feliĉe evitis la minacin- an ekbaton, neniom atentinte la ofendinton, sed kiam tiu intencis ripeti si- an malbonan agon, ĝi laŭte ekkriis kaj, kuratinginte lin, dolorige bekpinĉis in je la orelo. Je alia fojo, kiam la servistino, koleriĝinte je ĝi pro tio, ke ĝi forpelis la kokinojn kaj formanĝis nutraĵon, donitan al ili, nesingardeme ekvergis ĝin, ĝi atakis ŝin kaj per la beko disŝiris je pecoj ŝian jupon. Sed ne kon- tentiĝinte je tio ĉi, ĝi longe post tio ne povis indiferente rigardi ŝin, ĉiam me- morante la ofendon kaj preta al venĝo.

Venis pluva aŭtuno. La infanoj jam malofte forlasis la ĉambrojn, Gru- gru ankaŭ preskaŭ senelire pasigis la enuigajn tagojn en la kokinejo. Iafoje ĝi promenis tra la korto kaj kajo, iafoje oni venigis ĝin al la infanoj, sed, ŝajn- e, nek tio, nek la alia povis redoni al ĝi ĝian antaŭan humoron; ĝi estis mal gaja kaj pensoplena. Komence ni timis, ke ĝi baldaŭ forflugos de ni, aliĝinte al ia preterfluganta gruaro, poste, kompatante ĝin, ni tion deziris, sed la kuracisto certigis, ke ĝi ne estas kapabla eĉ leviĝi ĝis deca alteco, ke ĝi baldaŭ postrestus de siaj kolegoj kaj pereus ie, se ĝi entreprenus tiun ĉi riskoplenan paŝ- on.

Ĉu ĝi penis entrepreni la paŝon, mi ne scias, sed unufoje mi estis surprizita, iam oni sciiĝis, ke Gru-gru subite malaperis. La sciigo ĉefe surprizis la infanojn, ili estis frapitaj de la novaĵo kaj nekonsoleblaj malgraŭ mia admonado kaj konsolado, ke la denaska instinkto venkis en ĝi tiujn amikajn sentojn, kiujn ĝi antaŭ nelonge ankoraŭ havis al la infanoj, ke ĝi, kredeble, revenos al ni kune kun la printempo.

Pasis nur kelkaj tagoj kaj mi ree sciiĝis, ke nia Gru-gru tute ne forflugis en, sed simple estas ŝtelita de knabaĉo Mitjka, la filo de fiŝkaptisto. Mi informiĝis kaj, elektinte liberan minuton, dum tiu sama tago iris al la ŝtelisto. Mi bone konis la knabaĉon, ĉar li ne unufoje liveradis al mi fiŝojn kaj kelkfoje mi partoprenis en nokta fiŝkaptado de lia patro, kies neanstataŭebla helpanto li estis. La domaĉo de la fiŝkaptisto staris, aŭ, pli ĝuste, estis alglui-ta alte super la rivero al krutaĵo mem de la riverbordo en unu el plej pentrindaj partoj de ĝi. Longa mallarĝa ŝtuparo, tute ŝirmita de ambaŭ flankoj per riverspecaj kreskaĵoj, abrupte malleviĝis de ĝia sojlo preskaŭ al la akvo mem, kie sur longaj stangoj estis pendigitaj retoj kaj balanciĝis malnova fiŝkaptista boato. La fiŝkaptisto estis malsanema, antaŭtempe maljuniĝinta viro. Mi trovis lin sidanta sur la ŝtuparo kune kun mizera maldika hundaĉo kaj varmiĝanta sub avaraj radioj de la subiranta aŭtuna suno. Krankam li ĵuris, ke la gruo mem venis al ili, ke li kun la filo kelkfoje penis peli ĝin hejmen, sed ĝi ĉiam revenis al ili, mi ne kredis kaj ordonis, ke dum la sama tago la knabaĉo

lportu la forkurinton, kiu tiutempe forestis kune kun la ŝtelisto. Kiam, reven-
nte, mi estis jam proksime de la hejmo, mian atenton nevole altiris furioza
ojado de hundo kaj gaja rido de vilaĝaj infanoj, kiuj kun scivoleco observis ion
ur la rivero. Mi haltis kaj ekvidis scenon, kiu kortuŝis min: proksime de la bor-
o, laŭlonge de ĝi, malrapide moviĝis kontraŭ fluo la fiŝkaptista boato.
itjka ĉifonvestita remis el ĉiuj siaj fortoj, de tempo al tempo ĉesigante la
emadon pro laceco, kaj gaje rerigardis malantaŭen, kie sur la „nazo" de la
oato, alte leviĝinta super la akvo, en trankvile-fiera pozo, etendante
n unu, jen la alian flugilon por konservi ekvilibron, staris mia Gru-gru kaj
kse rigardis la hundaĉon, kiu kuris tra la bordo apud la akvo mem kaj per
ojado kaj bojĝemado esprimis al ĝi sian ĝojon pro ĝia reveno.

—Perfidulo! Nedankemulo!.. — mi diris kun malgajo al la gruo, post nelon-
e prenante ĝin el la manoj de Mitjka kaj metante en la korinejon. Ĝi kvazaŭ
omprenis la riproĉon kaj, kulpe mallevinte la kolon, malgaje iris en sian angu-
n, kaŝe ĵetante rigardojn al la knabaĉo, en kies la okuloj briletis larmeroj.

De tiu ĉi tago komenciĝis senfinaj ĉiutagaj forkuroj de Gru-gru kaj ĉiu-
gaj vizitoj de Mitjka, kiu, en akompano de la hundaĉo, revenigis ĝin. Fine,
o ĉi tre tedis al mi kaj mi unufoje decidis por ĉiam liberiĝi de la obstinulo.

—Ĉu vi volas, — mi diris al la knabaĉo, — ke mi donacu ĝin al vi?

Li estis tiel surprizita de la demando, ke povis elparoli neniun vorton.
efalsa ĝojo kaj ravo rebrilis en liaj mildaj okuloj.

—Prenu ĝin, - mi aldonis post nelonge, - mi donacas...

—Mi dankas... Mi ĉiutage liverados al vi fiŝ...

Mi svingis per la mano.

Mitjka eksaltis pro la ĝojo, singardeme metis la gruon sur la teron kaj, kresone ekfajfinte, kiel freneza, ekkuris for de la korto kaj post li, kun laŭta ojado kaj gaja svingado de la flugiloj, antaŭiĝante unu la alian, sekvis aj sendisiĝaj amikoj.

Mi longe ne povis kompreni, kio igis Gru-gru'on subite ŝanĝi siajn simpatiojn aj forlasi nin. Nur unufoje dum la malfrua aŭtuno mi havis okazon observi e malproksime ĝian vivon en la nova medio kaj komprenis tion. Al ĝi - nas-ita libera - estis netolerebla mallibero kaj izoleco en la malpura kokinejo! i sopiris je senlima vasteco de kampoj, je la sorĉa aspekto de la belulino-ri-ero, sur kies bordoj ĝi, sendube, naskiĝis kaj kreskis kaj, ĉefe, je societo de si-ilaj al ĝi ĉiam-liberaj kaj gajaj estaĵoj. Vere, ĝi estis plu ne kapabla ĝui kun-vadon de siaj similuloj, sed ĝiaj novaj amikoj estis tiel same neofendem-j kaj karaktersimilaj al ili, ke ĝi senhezite eniris ilian societon. Kaj, spert-nte ilian amikecon, ĝi jam plu ne deziris forlasi ilin. Jen estas la gajoplena ceno, kiun mi observis tiam:

Sur sablo kontraŭ la domaĉo kuŝis Mitjka kaj, facilete tiretante la uon je la vosto, incitis kontraŭ ĝi la hundaĉon, gaje kriante: „Valetko, Va-etko, kaptu ĝin, kaptu!.. Valetko, usj-usj!..” La hundaĉo kun bojado atakis

ru-gru'on, ŝajnigante, ke ĝi tuj kaptos ĝin je la vosto kaj tiu, siavice ŝajnig-
nte, ke ĝi tre timas la hundaĉon, larĝe etendis la flugilojn kaj, alte levinte la
apon, grandpaŝe penis sin savi de la persekutado, flugrapide kurante laŭ-
onge de la bordo. Sed pasis nur unu-du minutoj, Gru-gru subite haltis, rapid-
move turniĝis kaj siavice atakis la hundaĉon, kiu, alpreminte la voston kaj
lende-ĝembojante, rapide revenis, persekutata de la gruo, al la mastro, kiu,
idegante, baraktis sur la sablo, kaj serĉis ĉe li defendon. Tiam komenciĝis
ova amuzo: la hundaĉo, kvazaŭ antaŭe interkonsentinte kun Gru-gru,
une kun ĝi atakis la knabaĉon kaj furioze tiris lin de ĉiuj flankoj je la mi-
eraj ĉifonoj kaj je la ĉapaĉo. Kaj tiutempe sur la ŝtuparo sidis, vintre-vesti-
a kaj metinta ĝis la oreloj mem sian malnovan felĉapon, la fiŝkaptisto kaj,
usetante, simplanime aprobis la atakantojn, laŭte alparolante: „tiel, ti-
l, bravuloj! Ŝiru lin, filon de patrinaĉo!..” Fine, la baraktado tedis al ĉiuj,
a bruludado ĉesiĝis kaj ĉiu sin ordigis peneme, (~~post~~) post kio de la ŝtuparo
utiĝis al la venkintoj malgrandaj panpecoj, kiujn ili dividis pace, senbrue.
Poste ree aŭdiĝis: „Valetko, Valetko, usj-usj!.. Valetko, kaptu ĝin!” kaj ree
ripetiĝis la sama spektaklo.

Printempe dum glacirompiĝo Mitjka malvarmumis kaj malsaniĝis.
Unufoje mi vizitis la fiŝkaptiston kaj vidis la knabon ankaŭ Gru-gru'on,
ldaŭrinde, jam je lasta fojo. Mitjka kuŝis sur sekalpajlo, amase ĵetita en
ngulo de la domaĉo, kaj maltrankvile turniĝis de unu flanko la alian en

da febro. Li mallaŭte deliris kaj la nomo de la gruo senĉese flugis en ĉiuj kazoj de liaj inflamaj, sekiĝintaj lipoj. Apud li mem staris Gru-gru kaj malgaje rigardis sian amikon. Ĉiufoje, kiam ĝi aŭdis de li sian nomon, ĝi malrapide-grace etendis al li la kolon kaj delikate karesis lin, tuŝetante per la beko liajn mojn, hirtajn harojn. Mi etendis al ĝi plenmanon da pizeroj, sed ĝi, apenaŭ ekrigardinte la frandaĵon, forturniĝis, metis la kapon sub la flugilon kaj rigidiĝis en tiu ĉi senmova pozo.

Hele brilis la suno de la lazura ĉielo, gaje bruis elbordiĝinta Volga, nesilentante aŭdiĝis super ĝi diversvoĉaj, diverskarakteraj viglaj krioj de birdoj, ĵus revenintaj de la malproksima sudo, kiam oni enterigis Mitjka'on. Kaj respekte de la tago sekvinta la piŝisto, ree faligante larmerojn, fosis en la sablo apud domaĉo mem tombon por Gru-gru, kiu ne povis, ne volis postvivi la perditan amikon...

Mia kurulo malgaje ekspiris kaj silentiĝis.

Ni pleniĝis niajn pipojn kaj silente daŭrigis la vojon. Alte super niaj kapoj, etendinte la kolojn kaj longajn piedojn, flue kaj nerapidante unu post la alia flugis gruaroj. Jen gaje-triumfante, jen sopire-adiaŭe ili voksignalis inter si, rapide moviĝante antaŭen kaj neŝanĝeme sin direktis al la malproksima, alloga sudo, blinde obeante al la instinkto, kiun enmetis en ilin la Kreinto.

